# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

15-a jaro (Numero 1) 1936.

Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj).

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. Winschoten (Nederlando).
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam. (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN, Karlskrona, Svedujo.
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando).
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gron.) (Nederlando).

## Estimataj gekolegoj, karaj TAGE-anoj!

Permesu al mi, ke mi prezentu min. Mi estas svedo kaj tamen eŭropano: sveda patro, norvega patrino, prapatroj el preskaŭ ĉiuj landoj inter Burgundujo kaj Latvujo. Kaj mi estas esperantisto depost deksep jaroj. Sufiĉe dirite pri mi mem!

Ĉar en tiuj unuaj tagoj de la unua jaro de mia prezidanteco mia plej forta sento estas la sento de dankemo. Dankemo al mia estimata antaŭulo, k-o Roome, pro sia laboro en malfacilaj tempoj por TAGE kaj la ideo de Esperanto. La gravaj kaj agrablaj tagoj de Vieno dum la pentekosto 1934 ne fariĝu la lastaj tagoj de nia kunlaboro! Dankemo ankaŭ al vi ĉiuj, gekolegoj kaj TAGE-anoj, kiuj proponis, voĉdonis kaj konfirmis mian elekton. Kvankam sufiĉe malnova esperantisto mi konforme al mia individualisma vivkoncepto malmulte kaj malofte partoprenis la asocian vivon, kaj sentas min iomete fremde en la situacio de prezidanto. Sed kune kun vi kaj precipe la sindonema kaj oferema laborkomitato mi volas trankvile rigardi la estonton. Ni promesu nin mem kaj nin ĉiuj: fervora kaj sukcesplena laboro por TAGE dum la nova jaro!

En tiu letero mi ne volas detale paroli pri planoj kaj projektoj. Sed antaŭ mi sur la tablo kuŝas aŭstra gazeto, kiu enhavas artikolon de franca aŭtoro, la fama verkisto Duhamel. Mi citu kelkajn el liaj tezoj, ili indas atenton super la tuta mondo.

Ni ĉiuj scias, ke nia tempo estas prema kaj severa precipe por tiuj, kiuj kredas al la eŭropa spirito kaj esperas la universalan fratecon, la altan idealon de nia kara Majstro. La mondmilito disŝiris kruele la revon pri paco kaj progreso, kaj la sekvintaj krizoj ŝutis salon en la vundojn de la homaro. Senespero venkis ĉe la homoj, malmultaj volis konstrui sed multaj detrui. Kaj nun ni ree staras sur la sojlo de nova interfrata milito.

Ĉu ni povas malhelpi la katastrofon, ĉu ni povas savi la eŭropan spiriton? Kontraŭ superaj fortoj la batalo ŝajnas esti senfrukta, sed ni povas labori por la estonto. Ni povas semi en la sangmakulita humo, ni povas influi la junularon. Duhamel diras: „Mi do volas substreki: se ni deziras la ekziston de la eŭropa spirito, ni devas komenci kun la infanoj. Sed tie ni dependas de la instruistoj, kiuj devas esti niaj ĉefaj kunlaborantoj *Sen la instruistoj ni estas senpotencaj.* Se ni ne povas interesigi la instruistojn pri la demando de la eŭropa spirito, ni devas toleri, ke tiu spirito, sendube ne mortos, sed tamen dum kelka tempo malaperos, kaj ni devas kontentiĝi kun la fakto, ke tiu spirito fariĝos nura akademia afero, nura salona frazo." Ĉu ni, TAGE-anoj povas toleri tion? Certe ne, ni sentas nian devon kaj agos konforme al ĝi!

Sed nenia labora por Eŭropo estas ebla, se ni ne unue estas intime kunligitaj kun nia propra popolo. Duhamel diras; „La arbo devas stari kun firmaj radikoj en la nacia tero, nur tiam ĝi povas etendi siajn branĉetojn tiel vaste, ke ĝiaj fruktoj falas trans la intermuro." Ni esperantistoj neniam devas forgesi, ke svedo estas svedo kaj hispano hispano, sed ni volas alvoki al la popoloj la vortojn, kiujn aŭstra aŭtoro iam uzis al siaj samlandanoj kaj la hungaroj: „Popoloj, interparolu kaj vi komprenos unu la alian!"

Bj. BECKMAN.

---

# De la administranto.

Geamikoj, mi tre petas vin, komplezu al mi kaj sendu tuj vian abonkotizon por 1936 al via landa-agento. Se tiu en via lande ne ekzistas, *nur tiam*, pagu rekte al mi, prefere pere de mia poŝtĉekkonto.

Kelkaj ankoraŭ ne pagis por 1935. Gekolegoj, dum la tuta jaro ni sendis al vi nian revuon. Nia malvasta kaso ne povas toleri nenecesajn elspezojn. Mi ja ne povas kredi, ke vi estas malamiko de nia labora, kaj ke vi volas malhelpi ĝian evoluon per via nepago. Pagu do, mi petas, kaj realiĝu por 1936, aŭ skribu al mi, ke vi ne plu restos ano de nia asocio dum 1936. Tiel vi povos zorgi ke ni ne devos fari superfluajn laborojn. P. K.

---

# Interpopola konduto.

Viro amas sian edzinon, siajn infanojn, siajn gepatrojn kaj gefratojn. Li ŝatas aŭ amas la regionon, kie li vivis kiel infano, kie li studis, kie li poste laboris. Li amas sian patrujon. Kompreneble, Sed li ne troigu.

Se lia edzino, aŭ siaj infanoj kverelas kun najbaroj, li havu la kuraĝon diri al edzino aŭ infanoj: „vi ne pravas."

Same rilate al la propra patrujo.

Ĉar lastatempe en ĉiuj landoj oni troigas la patrujamon. Ankaŭ en mia malgranda lando oni faras tion.

Se estas iu problemo inter mia lando kaj ekz. Belgujo, mia lando pravas, almenaŭ tion mi devas pensi legante la gazetojn.

Antaŭ kelkaj semajnoj mia samlandano Eŭwe fariĝis mondŝakmajstro. Kompreneble mi ĝojis.

Sed . . . . skabeno en Amsterdam asertis, ke Eŭwe defendis la nederlandan honoron aŭ ion tian. Jes, kiam oni paroladas ĉe festmanĝo oni kutime uzas fortajn esprimojn. Sed, ni instruistoj ne uzu tiajn fortajn esprimojn, ni restu mense sanaj. Kiam post pli aŭ malpli longa tempo alilandano superos mian samlandanon, mi certe ne perdos mian honoron.

Karaj gekolegoj, la laborkomitatanoj deziras al vi bonan novan jaron (sen milito) kaj dum ĉi tiu jaro ni ĉiam faru nian eblon kritiki alilandanojn singardeme, indulgeme.

Dum la libertempo mi legis libron, verkitan de E. Privat, kiu havas suprenomitan titolon. (Ĝin eldonis; Literatura Mondo, Budapest).

Gekolegoj, aĉetu ĝin, ĝi meritas tion, ĉar pro la enhavo kaj pro la flua stilo ĝi estas bonega.

Mi elektis kelkajn partojn el la interesa libro.

„Tiu ĉi libro estas frukto de multjara observado kaj aperis en 1931 en la franca Filozofia Kolekto Felix Alcan en Parizo. La nuna reverko en Esperanto ne aldonis ian mencion pri faktoj okazintaj dum la postaj jaroj. Ili ne ŝanĝus ion al la sufiĉa instruo de la ĝistiama Historio tra sinsekvaj centjaroj."

„La celo ne estis esprimi partian opinion, sed ekzameni faktojn sur psikologia kampo ne sufiĉe atentata. Kiuj ŝatas insultojn, tiuj ne legu ĝin. Ili ne trovos ion por nutri pasion. Ne ofendi, sed pripensigi, jen la intenco: Kiel homoj kondutas de nacio al nacio? Kiel ili sentas are."

„Tiu ĉi libro montras observitajn faktojn."

„Nacian konscion oni kulturas en lernejo, en preĝejo, en la hejmo, en gazetaro, en armeo. Per ĝi la homo super si mem altiĝas. Per ĝi li partoprenas en estaĵo multobla kaj dia.

Naskiĝa tero fariĝas templo, gepatra lingro kvazaŭ komunio, nacia flago kvazaŭ sanktaĵo, ŝtata himno kvazaŭ preĝo kaj milito jam ofero sur altaro.

Tiuj profundaj emocioj kortuŝas eĉ la plej skeptikajn. Tiu mokema sendiulo, nomita „La Tigro" (Clemenceau) ekploradis aŭdante La Marseillaise. Pie li konservis eĉ saketon de nacia tero." (daŭrigota en la 2a numero).

---

Invitito diras al invitinto post la desertoj:

—Dankon, amiko; mi nenian manĝis tiel bonguste kaj sufiĉege.

—Ni ankaŭ ne, sinjoro—interrompas uno el la infanoj.

# Marokaj Lernejoj.

En Maroko, lando situanta en Afriko kaj sub protektorato de la franca regado, estas tri diversspecaj lernejoj: unue por Eŭropanoj; due por mahometanaj indiĝenoj; trie por judaj indiĝenoj.

La lernejoj por Eŭropanoj funkcias same kiel en Francio: en ili lernas francaj, italaj kaj hispanaj geknaboj. La geinstruistoj estas nur francoj.

Estas malmulte da mahometanaj lernejoj por multege da infanoj. Do multaj el ili ne povas lerni kaj ludas sur la stratoj, aŭ jam eklaboras! La lernado estas pli facila ol en la francaj lernejoj: oni instruas la francan lingvon kaj iomete la araban. La instruistoj estas francoj; estas tamen kelkaj araboj inter ili, sed neniu instruistino! Cetere preskaŭ ĉiuj arabaj knabinoj ne vizitas la lernejon, ĉar mahometanoj ne volas tion. Tial en la urbo Casablanca (prononcu: Kasablanka) estas nur unu knabina lernejo kaj tri knabaj... La knabinoj precipe kudras kaj malmulte lernas.

La judaj lernejoj apartenas al „Izraelida Universala Asocio", kiu havas lernejojn en multaj landoj kie loĝas judoj. Oni instrudas ankaŭ la francan lingvon, eble iom la judan. La geinstruistoj estas judoj preskaŭ tutece. Tamen kelkaj francaj instruistoj instruas en judaj klasĉambroj.

Dum la arabaj kaj francaj geinstruistoj estas pagataj de la maroka registaro, la judaj ricevas tre malaltan salajron de I.U.A.

Fine mi sciigas, ke en Maroko estas 212.500 eŭropaj enloĝantoj kaj 4.500.000 marokaj. Malgraŭ ĉio estas 322 instruistoj por eŭropaj knaboj 424 instruistinoj por eŭropaj knabinoj, dumtempe oni povas enkalkuli nur 180 instruistojn por arabaj knaboj kaj 60 instruistinoj por arabaj knabinoj...

(El: *Infanoj sur tutmondo.*) INSTRUISTO.

---

# La Homaj Rasoj de la Mondo.

Förlagsföreningen Esperanto (Stockholm) en la lastaj jaroj eldonis multajn gravajn verkaĵojn belaspektajn; mi nur mencias la „Svedan Antologion" en du volumoj. En la fino de 1935 ĝi pliriĉigis la Esperantan literaruron per tre grava libro kun la supra titolo. Ĝi estas originale verkita de Dro Rolf Nordenstreng (Upsala).

La subtitolo: „Scienco kontraŭ superstiĉo" estas kvazaŭ laborprincipo, kaj trastudante la libron oni certe konvinkiĝos, ke la verkisto science objektive priskribas la rasproblemojn tiel forte diskutatajn en niaj tagoj. „Kun malĝojo mi devas diri (skribas la aŭtoro) ke ili ordinare — ankaŭ inter fakistoj — estas pritaktataj sur fundamento

de scioj ne sufiĉaj kaj multaj antaŭjuĝoj, kaj sekve ili forte tordiĝas malrekten.... Mi tute ne volas aserti ke mi mem posedus la mezuron grandegan de scio kiu estus bezona por la celo. Bedaŭrinde neniu ĝin havas. Sed se mi tamen kuraĝas paroli pri la temo, la kaŭzo estas ke mi *konscias* pri la nesufiĉo de la scio kunigita de mi kaj de *ĉiuj* rasbiologoj. Tial mi faras miajn konkludojn singardeme. La klarigado kiun mi povas kaj havas spacon fari nepre devas havi sian pezocentron en faktoj *rasbiologaj*" (pĝ 8)

En alia parto (paĝoj 11 kaj 13) de la sama ĉapitro la aŭtoro metas la por multaj homoj gravan demandon: „Kia el la rasoj homaj estas la plej bona? Oni ne malofte aŭdas aŭ vidas tiun demandon, kaj multaj antropologoj firme respondas: sendube la helhaŭta, helhara, bluokula norda. Sed la demando estas malĝusta kaj senpensa. Neniu demandas; kia raso de ĉevaloj aŭ hundoj, de bovoj aŭ kokoj estas la plej bona? Ĉar tiu demando estus sensenca. Oni demandas; kia raso ĉevala estas la plej bona por rajdo, aŭ por veturo, aŭ por tiro de trunkoj en arbaroj neĝaj, aŭ por ia alia celo, kaj en ia certa ĉirkaŭaĵo? .... Parolante pri homaj rasoj oni tial same devas demandi: kia raso estas la plej bona por tiu aŭ tiu alia celo kaj en tiu aŭ tiu alia parto de la mondo? Sed ankaŭ tio ne sufiĉas: estas necese, ke la respondanto estu juĝopova kaj senpartia. Kie nun ekzistas tia juĝanto? Apenaŭ sur tiu planedo. Li devus ne aparteni al iu ajn raso kaj ankaŭ ne esti miksitulo — per aliaj vortoj: ne esti homo. Eble ia vivaĵo inteligenta de alia planedo taŭgus".

Alia grava problemo: Ĉu estas rasmiksiĝo bona aŭ ne? Laŭ la verkisto tio dependas ne nur de la rasoj, sed ankaŭ de la individuoj sin miksantaj. „Kompreneble la infanoj de kuracisto angla kaj lia edzino de familio nobela japana estas pli valoraj ol tiuj de ĉevalŝtelisto cigana kaj negrino idiota. Aldonota al tio estu ke multegaj infanoj rasmiksitaj estas generitaj en ebrieco alkohola aŭ unuflanko, aŭ ambaŭflanka" (pĝ 25).

La homo apartenas kiel la bestoj kaj plantoj al la vivestaĵoj kaj, same kiel ili, estas submetata al la naturaj leĝoj heredaj. La krucigoj inter la homoj naskigis la diversajn tipojn, laŭ la aŭtoro. Li ne akceptas la Darwin-an evolucion nek la mutaciojn en la deveno de la vivuloj. Tamen la recenzisto ne kredas, ke" la doktrino (de la evolucio) por la plejmulto da biologoj estas fariĝinta sanktaĵo, kiun tuŝi estas malpermesite", kiel asertas dro Nordenstreng. Estas ankoraŭ sufiĉe da biologoj objektive pristudantaj devenajn problemojn, kaj kiam ili venas al aliaj resultatoj, ili tamen ne meritas tiun akran supran malaprobon.

En la dua ĉapitro estas pritraktataj la prahomoj en mallonga, klara maniero.

Denove venas en la sekvanta ĉapitro la grava temo: Rasoj

superaj kaj subaj. Iom akre kaj sarkasme (sed tamen laŭ la recenzisto ne malĝuste) la aŭtoro pruvas per la bremsa teorio de Bolk, ke „la pigmeoj, ne la norduloj, devus esti la vera altnobelaĵo de la homaro". Ĉar diversaj karakteroj de la nordulo estas pli simia ol de la pigmeoj. En tiu rilato ankoraŭ unu mencion en kiu la aŭtoro akre atakas la profetojn de la norda raso: „En la insulo malgranda Runö en la Golfo Riga vivas popola restaĵo sveda sian vivon izolan. Tiuj svedoj de Runö estas esploritaj antropologie de prof. K. Hildén en Helsingfors, Finnlando, kaj rase li trovis ilin forte pleje nordajn kun enmikso malforta baltorienta ĉe nombro malgranda. Jene ili ĉefe apartenis al la raso kiu nun multloke, pleje en Germanujo, estas trumpetata kiel la bona kaj nobla, la *sola vere* bona kaj nobla, la plej inteligenta, vaste pensanta, agema kaj ordema. Milionoj da germanoj sin sentus feliĉegaj, se ili havus la aspekton de tiuj loĝantoj de Runö. Sed tiuj insulanoj nekontraŭdireble staras sur kultura grado tre malalta. Ili estas honestaj, pacemaj, taŭgaj, fidemaj, tre naivaj kun pensmondo malgrandega, malvasta kaj kun nenia kulturo pli alta." (pĝ 61).

La recenzisto esperas, ke la legantoj bonvolu kompreni, ke la verkaĵo ne nur enhavas atakojn kontraŭ la kvazaŭ-scienco pri la rasoj, sed per la mencioj mi nur volas demonstracii, ke la aŭtoro certe povas distingi inter la objektiva vera scienco kaj la rassuperstiĉo uzebla por politikaj celoj. (Eble por kvietigi la nordulojn: la aŭtoro mem estas laŭ sia deklaro miksitulo de norda, baltorienta kaj eble la mediteranea raso!)

Unu el la plej gravaj ĉapitroj estas; Raso kaj ĉirkaŭaĵo. Ankoraŭ multe da verkistoj forgesas aŭ eĉ ne scias, ke la homo, same kiel la aliaj vivestaĵoj, estas produkto de siaj herede akiritaj ecoj kaj de la influo de la ĉirkaŭaĵo en kiu ĝi vivas.

La aŭtoro ankaŭ en tiu rilato mencias la kolonizadon de la eŭropanoj en la tropikaj landoj, kie la vivcirkonstancoj estas netaŭgaj por ili.

En „la bazo de rasdivido kaj rasgrupigo" (ĉapitro V) la aŭtoro nomas la 3 rondojn de rasoj (laŭ Eickstedt) kaj ankaŭ supozas," ke la komenco de la homaro estis tri rasoj aŭ eĉ specoj blanka, flava kaj nigra. La diversaj tipoj estas priskribitaj laŭ la karakteroj (haro, okuloj, kapformo, ktp.)

La recenzisto ne povas samopinii pri la formiĝo de la longkapeco kiel sekvo de pli da maĉado (laŭ Sören Hansen). Laŭ tiu opinio la nuntempaj homoj estas malpli longkapaj ol la antikvuloj, ĉar ili nune havas pli bone preparitan manĝaĵon ne postulantan tiom da maĉado. Ĉu ĉi tie ne estas iom tro da Lamarkismo? La heredo de dumvive akiritaj karakteroj ĝis nun neniam estas objektive pruvitaj. La cirkonstancoj sub kiuj la infanoj kreskas, certe povas influi la kapformon, sed nur por ĉiu individuo mem, ne por la posteuloj.

La plej grandan parton de la libro (pĝ 92—207) ampleksas „la rasoj unuope". Multaj (119) belaj fotoj estas aldonitaj al la tre klara pritrakto de la diversaj rasoj, subrasoj, miksoj.

Pri la lingvo mi nur volas mencii, ke la ofta uzado de la adjektivoj post la substantivo iom malfaciligas la legadon. Krome ne ĝuste ŝajnas al mi la esperantigo de geografiaj nomoj, kiel la Valoj (por Dalarne, Dalecarlië) Rivero Vala (por Dalälven), Pasejo Kata (por Kattegat), ktp.

Entute la libro estas treege valora, vere popularscienca, libro, kiun povas kompreni ĉiu inteligentulo, kiu volas pristudi ĝin. Ankoraŭ ĉiam mankas sufiĉe da tiuj gravaj verkaĵoj en Esperantujo. Tia libro, kia estas „La homaj rasoj de la mondo" povas helpi direkti la atenton de la scienca mondo al la grava problemo : Esperanto kiel lingvo por sciencistoj.

Mi esperas, ke multaj gekolegoj aĉetos la libron, kies prezo (Sv. kr. 3.25 broŝ) estas ridinde malalta por tia belaspekta libro (212 paĝoj kun 141 belaj bildoj). Kaj ke ili montros tiun libron al siaj gekolegoj neesperantistaj.

Grandan dankon ni ŝuldas al la aŭtoro kaj al la eldona societo pro la kuraĝo eldoni la miaopinie plej gravan esperanto-libron de 1935. W. H. M.

LIBREJO EDELMAN-BARENDREGT (A. H. de Ruyter)
Amsterdam - da Costaplein 14 - Telefono 83879 Kaj 83897
GRANDA PROVIZO DA ESPERANTO-VERKOJ
Rapida liverado
Petu senpage nian ampleksan katalogon

# Vizito al la Lernejo de Decroly

## (en Heele ĉe Bruselo).

En „Algemeen Handelsblad" (grava nederlanda ĵurnalo) ni trovis artikolon de kunlaboranto pri la lernejo de la antaŭ kelkaj jaroj mortinta pedagogo Decroly. Oni skribis sub la devizo : Por la vivo per la vivo jenon :

Ĉi tiu lernejo, kvankam ĝi povas esti nomata elita lernejo, estas treege simpla. En la unuaj lernĉambroj, en kiujn ni eniris, nenio estas sur la muroj, estas nur malplenaj kestoj kaj kaĝoj. Tri kvadrataj tabloj, ĉirkaŭ ĉiu kvar seĝoj. Unu longa tablo, sur kiu staras pesilo. Ĉi tiun simplan meblaron oni mem konstruis en la lernejo. La ĉambro

estas destinata por dekdu infanoj. El tio oni rimarkas, ke estas elita lernejo. La gepatroj salajras preskaŭ la duonon de la geinstruistoj. La lernantoj preskaŭ ne rimarkis, ke ni eniris. Ili tute atentis sian laboron. Kune kun la instruistino ili pesas. En unu plado de la pesilo estas banano, en la alia kelkaj truitaj kaŝtanoj. Ĉiu infano havas en la manoj fadenon kaj surmetas sur ĝin la saman kvanton da kaŝtanoj kiel la banano pezas. Kiam la nombro estas konstatita, la instruistino pendigas kartonan slipon sur la tabulon. Sur tiu staras en simplaj skribliteroj: Nia banano pezas ok kaŝtanojn.

Ĉiuj nun iras al la tablo, prenas el la tirkesto koverton kaj serĉas el la kvar paperslipoj kun frazoj tiun, kiun ili vidas antaŭ si sur la tabulo. Ordinare ili sukcesas. Kion ili legas, ili komprenas, ĉar ĝi estas ligita al ilia ago, la pesado. Tial oni ankaŭ ofte donas frazojn en la imperativo. Kiu povas legi la frazon, rajtas fari.

Ĉi tiuj frazoj estas ankaŭ la unuaj skribekzemploj. Sed ili ne povas kopii, ili devas skribi la frazojn parkere. Komence tio similas je nenio. Nur senordaj streketoj, inter kiuj oni ne povas rekoni literon. Sed la lernantoj mem ĝin legas. Por ili ĝi vivas. Ĝi reprezentas agon. Elementoj de vortoj ili ne legas, nek skribas. Nur la tutaĵon, la neanalizitan.

La rezultatojn ni admiris en la dua klaso. Ĉi tie la muroj, la kestoj kaj kaĝoj ne estis malplenaj. Trezoron da lerniloj, kiujn ni neniam vidis en iu lernejo, ni vidis ĉi tie. Sed ili kostas nur kelkajn monerojn.

Sur la fenestrobreto: subtasoj kun ĝermantaj fazeoloj kaj semoj. Ĉe ĉiu ni rimarkis slipon, surhavantan la daton de la semado. Tio, kio vivas ĉi tie, oni ĉiusemajne surmetas skeme sur grandajn kartonslipojn, sur kiuj oni skribas la longon de la plantoj, ĝis kiam oni konstatas, ke ili estas plenkreskintaj. Tiel la muroj portas multajn tabelojn kun la pligrandiĝo de pezo kaj longeco de ĉio vivanta. La kestoj estas plenaj je naturobjektoj, en la kaĝoj loĝas bestoj. Ĵus estis naskitaj blankaj musetoj. Kvar knabinetoj prenis el la nesto unu. Ili estis metitaj sur la pesilo. Tion oni faras ĉiun semajnon. Sur la muro pendas fadeno kun fazeoloj, kiu indikas la pezon ĉe la naskiĝo, dua fadeno montras la pezon post unu semajno. Komparado montras la kreskadon. Tiel naskiĝas vivanta materialo por la aritmetiko.

Oni mezuras la rapidecon de la respirado ĉe la musetoj. Du lernantoj ekmovas sekundopendolon, konsistantan el abifrukto fiksita al ŝnuro. Ili nombris ĝis sesdek. Dume aliaj infanoj observas la respiradon de la musoj. Oni notas la nombron kaj komparas ĝin kun la respiradfrekvenco de la instruistino. Ankaŭ oni observis la rapidecon kun kiu la musoj kuris. La observaĵoj donis materialon por la aritmetiko, la legado, la lingvostudado, manlaboro, desegnado, kantado.

Ankaŭ la vetero estas observata. Ĉiu infano posedas kalendaron de la monato. Ĉiutage ili surgluis memdesegnitan bildeton, montrantan la veteron. Pluvombrelo: pluvo: flava cirklo: sunbrilo. Farante tion la tutan jaron, oni havas ĉe la fino la faktojn por simpla statistiko.

Leglibrojn la lernejo ne havas: la instruistoj mem verkas la legmaterialon: nome pri la travivaĵoj de la klaso. Ĉu ili en tiu maniero lernas legi? La direktorino skribis sur la tabulon: Nous avons aujourd'hui une visite très intéressante. Ces messieurs sont des étrangers. Demandez — leur de vous raconter quelque chose sur leur patrie. (Ni spertas hodiaŭ tre interesan viziton. Ĉi tiuj sinjoroj estas fremduloj. Petu al ili por rakonti al vi ion pri ilia patrujo).

Tiam ili ekparolis. Kaj mia amiko, lernejestro en Java (Ned. Hindujo) rekompencis la infanojn, kantante malajan kantaĵon.

La direktorino forviŝis kelkajn malfacilajn vortojn, kaj la infanoj devis diri tiujn vortojn, kaj skribi ilin en sian notlibron. Sed nur, se ili certe sciis, ke ili povos fari tion bone. Ĉar ili ne povas skribi erarojn, neniam kaj nenie en la lernejo. Kiu ne scias ion, devas peti vortaron.

Post tio ni aŭdis lecionon pri geografio. Sur de la infanoj mem farita mondkarto ili devis serĉi Java. Montriĝis, ke ili bone scias la mondpartojn kaj la oceanojn. La reston oni rakontis al ili. Okupinte tiel kelkan tempon, ili individue povis verki ion pri nia vizito en la kajero.

De la dua klaso ni iris al la kvina. Por la unua fojo oni ĉi tie havas leciontabelon; en la pli malaltaj klasoj ĉio estas t. n. „total-instruado”. La „centra temo” en ĉi tiu klaso estis: la ŝirmado de la homo, do vestaĵo kaj loĝejo. Kelkaj infanoj devis klarigi nin, pri kiu tio temas. Mia „petit professeur” (malgranda profesoro) montris al mi sian grandan albumon. En la komenco estis listo de temperaturoj de septembro — aŭgusto, persone observitaj sur la lernejplaco en la ombro. Kiel ŝirmiĝas la bestoj kontraŭ tiuj temperaturdiferencoj? Kelkaj paĝoj pritraktis la konstruadon de nestoj. Poste sekvis homaj loĝejoj en historia sinsekvo de la surpalisaj kaj rokaj loĝejoj ĝis la moderna vilao kun centra hejtado, Kaj tiam la loĝejoj en Grenlando kaj Kongo. Poste la ŝirmado de la bestoj per la haŭto kaj de la homoj per la vestoj. En ŝranko mia „profesoro” montris al mi la krudajn materialojn en la diversaj fazoj de la prilaborado. Pri ilia transporto temis la sekvanta ĉapitro de lia libro.

La tempo pasis. Poste ni ankoraŭ vizitis kelkajn popollernejojn en kiuj oni instruas laŭ la sama metodo. Ankaŭ tie ĝi montriĝis uzebla. La entuziasmo. kun kiu la instruistoj laboris, estis granda. Malgraŭ ilia devaluita salajro, kiu signifas por ili granda malriĉeco. La rezultatoj estas proporciaj al la entuziasmo de la instruisto.

# T.A.G.E-tribuno.

Ni aranĝas en nia revuo novan rubrikon, kun supra titolo. Ni esperas, ke ni ĉi-tie povos presigi multajn privatajn opiniojn de niaj anoj, por ke ili, pli ol ĝis nun, sciigu kaj sciiĝu kio vivas en nia rondo. *Libera* estos la tribuno por ĉiuj. La redakcio nur kontrolos ĉu la leteroj ne enhavas ofendojn aŭ pritraktas politikajn kaj religiajn temojn, kiuj ne rilatas nian T.A.G.E.-laboron.

Per niaj antaŭaj artikoloj en I.P.R. ni sufiĉe klare indikis, kiaj estas la nunaj gvidprincipoj de nia asocio.

Ĉi sube jen la unuaj tribunistoj parolas, kaj respondas pri la parolado de nia administranto en Arnhem.

Volonte ni publikigas plurajn tiajn respondojn.

---

# Aldone al la Diskuto en Arnhem.

Laŭ la ĝenerala invito de la redakcio de I.P.R. en ties 4-a Numero de ĉi tiu jaro, mi volas prezenti al la legantaro kelkajn pensojn, kiuj venis al mi en la kapon post legado de tiu informoriĉa kaj interesa numero. Ĉi tiuj miaj rimarkoj rilatas ĉefe al la punktoj starigitaj de K'do Korte en sia pensiga parolado.

Per ĝi mi unue konstatis la staton nunan de la membreco de T.A.G.E. La membro-nombro estas tre malgranda, sed necesas, ke ĉiu sciu ĝin. Mi opinias, ke la konkludoj tiritaj de K'do Korte el la tabelo estas allaseblaj en la senco, ke ili estas nek tro optimismaj nek tro pesimismaj ; tamen la raporto pri la Sveda Federacio, sur alia paĝo, ne sonas tre kuraĝige.

Rilate al la propagando inter neesperantistaj kolegoj, en landoj kie la instruistoj esperantistaj estas malmultaj eble estus utile, ke la landa sekcio de T.A.G.E., pere de sia agento, petu letere de la estraro de la nacia(j) fakorganizo(j) artikoleton, kiu, ĝi pensas, povas havi intereson por internacia kolegaro. Samtempe kun la peto, la nacia sekcio esprimu sian pretecon traduki la liveritan artikolon esperanten por aperigo en I. P. R. Oni proponu tion fari tri-kvarfoje jare, kaj liveru al la nacia fakestraro ekzempleron de I.P.R. enhavantan la tradukon. Tiamaniere oni (1) altiros la atenton kaj, espereble, la intereson de la estraroj de la naciaj profesiaj organizoj ; (2) liveros al I.P.R. pli fidindan bildon de instruistaj aferoj en la koncerna lando ol povos individua membro de T.A.G.E., ĉar por la preparo de la artikolo oni disponos la grandan aparaton de la nacia instruista organizo. Se, samtempe, oni petos akcepton de traduko el I.P.R. por reciproka aperigo en la nacilingva fakgazeto, kaj tiu propono konsentiĝos, oni ankaŭ atingos la neesperantistan kolegaron, ne sole la estraron.

„La stato fariĝu tia, ke la kolegoj volas esti esperantistoj, por ke ili povu legi nian revuon," diris K'do Korte. Por ke ni atingu tion, la enhavo de I.P.R. devos esti interesa kaj valora al neesperantistoj. Sed la redaktoro jam devas plendi pro manko de subteno per alsendo de taŭgaj artikoloj por nia revuo. Kial, do, entrepreni la eldonon de „Pedagogia Biblioteko" ? Ĉu la koncerna materialo ne povas prefere aperi sur la paĝoj de I.P.R. kaj tiel plivalorigi nian revuon, laŭ enhavo, al neesperantistaj kolegoj? Ĉar, pripensu, kiuj aĉetos la libretojn de la „Biblioteko" ? Ĉu eĉ 300 el niaj propraj membroj? Ni supozu, kio estas dubinda, ke ĉiuj membroj aĉetos ekzempleron. Ĉu tio, per si mem, povas pravigi la starigon de tia aparta eldono, konsiderante la riskojn, apartajn laboron kaj elspezojn, kiuj atendas tian iniciativon? Ŝajnas al mi prefere pligrandigi kaj plivalorigi nian revuon ĝis ĝi estos impona eĉ inter la nacilingvaj instruistaj gazetoj, kaj fariĝos konata kaj kapabla propraforte altiri la atenton de nacilingvaj profesiaj redakcioj. Por tio necesas impona formato kaj riĉa enhavo. Al tio ni celu. Laŭgrade la ponumera prezo povos esti altigata.

Eldonante „Bibliotekon" ni dividos la elspezpovon de niaj membroj; ili devos pagi I.P.R.-on kaj „Bibliotekon".

Pro la samaj kialoj, kaj por koncentrigi la fortojn de la instruista esperantista kolegaro en T.A.G.E.-on kaj en I.P.R. ŝajnas al mi, ke „La Juna Vivo" devus kunfandiĝi en I.P.R. Ĉio tio ĉi farus pli interesa, pli impona, kaj pli utila la enhavon de I.P.R., kaj altigus ties influon.

Sed la decido aperigi serion da libretoj sub la titolo „Pedagogia Biblioteko" ŝajne jam estas farita. Laŭ mia opinio, tio estas bedaŭrinda, ĉar kvankam la enhavo verŝajne estos interesa kaj valora, pro la rimedoj disponeblaj la apartaj libretoj ne povos havi imponan aspekton. Tamen, kiam la verketoj aperos, mi sugestius, ke oni nepre sendu almenaŭ po du ekzempleroj al la redakcioj de la grandaj nacilingvaj fakgazetoj, kun peto pri recenzo. La landa sekcia agento provizu la nomojn kaj adresojn de tiaj gazetoj al la administrejo de T.A.G.E. Rezultato estos, almenaŭ kelkafoje, ke tiuj naciaj redakcioj petos de konata al ili esperantista membro de la nacia organizo, alsendon de nacilingva recenzo pri la eldonaĵo, kaj tio liveros oportunan okazon pritrakti Esperanton kaj T.A.G.E.-on antaŭ la nacia kolegaro sur la paĝoj de la oficiala fakorgano.

Esperanto en la lernejojn! Kiel efektivigi tion? Kiom kaj kion povas fari tiucele unuopa membro de T.A.G.E.? Mi sugestius, ke per korespondado kaj provizumado reciproka de ilustritaj poŝtkartoj rilatantaj al la geografia instruado oni povas fari almenaŭ iom kaj eble altiri la atenton de lernejestroj kaj de inspektoroj al la utilo de Esperanto. Tio, siavice, eble sekvigos permeson instrui Esperanton al la klaso mem.

Multaj el la membroj de T.A.G.E. verŝajne bone scipovas Esperanton, sed ili ne havas la rajton instrui la lingvon al siaj klasoj. Tamen tiuj membroj povas helpi unu la alian jene. Ili interrilatiĝu per esperanta korespondado. Ili instigu la infanojn de siaj klasoj, kiel *nacilingva* ekzerco dum la lerneja leciono pri verkado, skribi leteron, unuope, al samaĝa imagita knab(in)o alilanda, antaŭe promesante traduki la plej bonan leteron esperanten kaj ĝin sendi al alilanda kolego. Tiu lasta ricevinte la tradukon, ĝin legos nacilingve al sia klaso, kaj al siaj infanoj proponos la saman taskon, verki nacilingve, kiel lerneja ekzerco, leteron responde al la ricevita. La instruisto esperantigos ĝin kaj metos en la poŝton al sia kolego. Konservu bonan kopion de ĉiu letero kun ĝia respondo. Plie, oni povas peti de alilandaj kolegoj unu-du poŝtkartojn ilustritajn, kun klariga teksto en esperanto dorsflanke, kiuj prezentos scenojn, geografiajn fenomenojn, kutimojn, loĝejojn, kostumojn, fabrikejojn, riverojn, montojn, (laŭ bezono), aluditajn dum la geografia leciono. La infanoj mem tre interesiĝos. Sed ni volas interesigi la lernejestron kaj inspektoron. Do, havu ĉiam en la klasĉambro apartan nigran tabulon, aŭ sufiĉe grandan pecon da dika kartono. Meze oni fiksu landkarton de la koncerna kontinento aŭ lando. Sur la spaco ĉirkaŭ la landkarto fiksu la ricevitajn poŝtkartojn kun kelkaj klarigaj vortoj nacilingvaj bildflanke. De ĉiu bildo iru fadeno al pingleto (portanta flageton) situanta proksimume ĝustaloke sur la landkarto. Tiu nigra tabulo aŭ kartono kun la bildoj restadu konstante sur stablo en la klasĉambro.

La lernejestro tuj interesiĝos, kaj la inspektoro, kiam li faros sian viziton, nepre vidos ĝin, kaj demandos pri ĝi al la instruisto. Tiam li havos oportunan okazon oratori por Esperanto! Li nepre kaptu ĝin. Farante tion, samtempe li montru al la inspektoro la nacilingvajn verkaĵetojn de siaj infanoj, kun kopioj nacilingvaj kaj esperantaj de la respondoj el alilando. Preskaŭ ĉiu unuopa membro de T.A.G.E. tiumaniere povas komenci la propagandon favore al Esperanto. Por bone aranĝi tiun aferon pli bona kontakto inter la membroj de T.A.G.E. estos necesa. Tiu penso kondukus min al pritrakto de la korespondlistoj, sed eble mi jam skribis sufiĉe longe por ĉi tiu fojo. Mi volas pli poste pritrakti tiun kaj la aliajn punktojn aluditajn en I.P.R. N'ro 4-a, paĝon 56-an, se la redaktoro konsentos al tio.

H. STAY,
18A Grand Avenue,
Boscombe,
Bournemouth,
Hants,
Anglujo.

Argences, la 6an de oktobro 1935.

Kara kolego,

Mi atente legis, kaj eĉ relegis, vian paroladon publikigitan en la lasta numero de I.P.R. Post hezito, mi skribas al vi miajn pripensojn pri ĝi.

„Sajne, niaj legantoj ne ĉiam atente legas nian revuon", diris vi. Nur *ŝajne*, ĉar mi ne opinias, ke T.A.G.E. anoj ne estas fervoraj esperantistoj kaj ankaŭ bonaj gekolegoj. Do, ili certe interesiĝas pri I.P.R. kaj, estante dankemaj al la sindonemaj estroj de T.A.G.E., deziras faciligi iliagn taskojn.

Multe da T.A.G.E. anoj sincere bedaŭras, ke ili ne povis ĉeesti la kunvenon de nia asocio (vojaĝoj multkostaj), kaj ili sin konsolas legante *atente* I.P.R.

Aliaj, multaj ankaŭ, ne kunlaboras, kaj vi plendis pri tio. Certe vi pravas. Sed por publikigi artikolon esperantlingve redaktitan aŭ tradukitan estas necese bone scipovi Esperanton. Sendube, multe da gekolegoj, kiel mi mem, facile legas kaj komprenas Esperanton, sed estas nek ĵurnalistoj, nek pedagogiaj profesoroj. Pro tio, ili ĉiam hezitas sendi artikolojn publikigotajn.

Pri propagando, jen mia opinio :

Antaŭ ol propagandi por T.A.G.E. kaj I.P.R. estas necese disvastigi Esperanton inter la gekolegoj. Mi faris kaj faras tion, kaj mi ofte rikoltas jenan respondon : „certe Esperanto interesas min, sed mi ne havas liberan tempon por lerni ĝin."

Verdire, multaj ne konsentas fari streĉeton por lerni Esperanton. Kiam la „Nacia Sindikato de la francaj geinstruistoj" voĉdonis en 1932 (vidu I.P.R. 1932 no. 6) rezolucion pri Esperanto, mi firme kredis, ke Esp. rapide divastiĝos inter miaj francaj gekolegoj. La sindikata revuo „Ecole Libératrice" ekpublikigis esperantan kurson, kiu ebligis por ĉiuj la lernadon de Esperanto.

La rezultatoj ne estis tiel bonaj kiel mi esperis, kaj nun la „E. L." nenion plu publikigas pri Esp.

Tiun-ĉi jaron, en mia departemento (franca administra distriktaro, estrata de prefekto) kolego petis la gekolegojn skribi al li por sciigi lin pri ilia eventuala deziro fondi grupon por la lernado de Esp. Kompreneble, mi respondis tuj al li, sed li ricevis tiom malmulte da respondoj, ke li rezignis. Mi konas en mia departemento nur du kolegojn, kiuj scipovas Esp.

Mi tute aprobas ke T.A.G.E. estas neŭtrala pri religiaj koj politikaj aferoj, sed multaj konsideras Esp. kiel politikan propagandilon eĉ inter la tutmondaj gekolegoj. Eble, kelkaj francaj T.A.G.E.-anoj forlasis nian asocion, ĉar I.P.R. ne plu „reflektas" la samaĵn ideojn kiel dum la antaŭaj jaroj.

Por plifirmigi la kontakton inter la anoj estus bone, ke I.P.R. malfermu „leterkeston", kie ĉiu el ni povos demandi aŭ respondi. Tiamaniere la esperantistaj kolegoj iom post iom alkutimiĝos skribi artikoletojn en Esp., kaj kapabliĝos poste publikigi pli longajn artikolojn.

Pere de I.P.R. ĉiu el ni povos korespondadi kun pluraj alilandaj gekolegoj, sed por ke oni ne atendu longatempe la respondojn, I.P.R. devus aperi ĉiumonate (vi pravas, sed kiel ni trovu la monon ? red.)

Kompreneble I.P.R. daŭrigos publikigi : la adresojn de la korespondemuloj, por ke oni povu elekti sian propran korespondanton.

Pri la eldono de serio da verketoj por „Pedagogia Biblioteko" mi timas, ke la esperantistaj gekolegoj ne konsentos novajn elspezojn por aĉeti ilin. Mi preferus trovi ilin sur aldonotaj paĝoj kiel „Agrablaj Horoj".

CT. CHATELAIN,
instruisto
en Argences (Calvados)
France.

# Letero de kolego A. Paris.

Malakoff, 12—12—'35.

Estimata kolego,

Mi aniĝis antaŭ pluraj jaroj al T.A.G.E. Mi bedaŭras, ke mi nun devas eksiĝi el ĝi. Ne nur ĉar mi legis en la lasta n-ro de I.P.R. artikolon de laŭdo pri la t.n. „eduka misio" de Mussolini kaj de la faŝisma lernejo (kiu ja ĉefe „edukas" al hom-buĉado) sed ĉefe ĉar tiu fakto repensigis min pri tio, ke nun tute ne plu viviblas „neutrala" movado. Oni ja estas ĉu por faŝismo, ĉu kontraŭ ĝi, por la militokazigantoj, aŭ kontraŭ ili.

Miaopinie, faŝismo mortigis per sia triumfo en Germanujo T.A.G.E.mem — tion vi bedaŭrinde pli kaj pli spertos.

Evidente la kunligo de Esperanto al la defendantoj de kadukiĝinta sociordo estas kontraŭsencaĵo: Esperanto triumfos kun la nova socio, aŭ mortos kun la malnova. Mi ne povas per subteno al revuo, kiu uzas ĝin je laŭdo al faŝismo, helpi al tiuj, kiuj celas mortigon de ĉiu libeio kaj de internaciismo. Mi decidis, ke mi dediĉos mian tutan monon, tempon, kaj energion al la kunlaborigo por triumfo de Esperanto de ĉiuj progresemuloj, per komuna agadigo de ĉiuj defendantoj de libero kaj preparantoj de senekspluata socio.

Kun kolega saluto

A. PARIS.

Rimarkoj de la redaktoro:

1o. mi ellasis du vortojn, kiuj estis tro ofendaj.

2o. miaopinie vi tre troigas kaj ne bone legis.

3o. mi ne laŭdis la faŝismon, la prelego estas farita dum fakkunsido de la universala kongreso en Romo.

Estas tute klare, ke ĝi donas la opinion de la itala profesoro Vincenzo Musella, sed ne mian. Mi konfesu, ke mi ne estas kompetenta juĝi pri la italaj lernejoj.

4o. mi opiniis ke la prelego de sinjoro Musella estas leginda kaj ne ofenda kontraŭ alilandanoj, kaj pro tio mi presigis ĝin.

5o. mi konas kolegon, kiu ne volis viziti la kongreson en Krakovo, ĉar Pilsudsksi estas diktatoro. La sama kolego vizitis la kongreson en Romo. Ĉu logika? Aliaj kolegoj uzis antaŭ kelkaj jaroj tre ofendajn vortojn kontraŭ Rusujo kaj lastsomere ĝin vizitis. Ĉu logika?

Moralo: la tempo mildigas la opiniojn.

---

**SCIIGO:** Ĝis nun sro Bleier Vilmos presis nian revuon, li traktis nin tre bone. Sed pro financaj kaŭzoj ni devis serĉi alian presiston, kiu loĝas apud ni.

La nova presisto tuj komencis lerni nian lingvon. Karaj legantoj, ne estu tro malkontentaj, se la unuan fojon vi trovos pli da preseraroj ol kutime.

Ĉi tiun fojon la rubriko: „Agrablaj horoj" mankas, sed en la sekvontaj numeroj ĝi regule aperos.

---

Lastmomente la presisto skribas al mi: Mankas ankoraŭ duono paĝo; plenigu ĝin. Imagu mian embararason. Feliĉe mi hazarde trovis malgrandan rakonton de la fama kaj sprita franca verkisto Georges Duhamel (el: Géographie cordiale de l' Europe, Mercure de France ed.) En ĝi Duhamel priŝercas la nederlandan purigemecon.

Eble miaj gekolegoj povos ĝin uzi por agrabligi sian geografilecionon pri Nederlando. Se mi erare tradukis iun vorton aŭ esprimon, la francaj legantoj bonvolu skribi al mi.

## Cigaredresto malpurigis la straton.

Je la fino de la digo mi ekvidis solecan benkon, kiu brilis tiel zorge, kvazaŭ ĝi estus ankoraŭ tute malseka pro ĵusa ekpluvo. Vere, ĝi estis benko, bone kolorigita, bone lakita, tre pura, la plej holanda benko. Mi tie revenis por fumi cigaredon kaj por revi, rigardante al la maro, kiu estis laŭ mia gusto tiun tagon.

Fuminte mian cigaredon, mi ĵetis la reston teren, kiel ni, fumantoj, simple faras, kiam ni estas en la kamparo aŭ sur la strato. Poste mi leviĝis por foriri, por daŭrigi mian promenadon.

Mi faris unu paŝon, du paŝojn, tri eble. Certe mi ne faris kvar. Kio min haltigis, tio estis — kiel ĝin diri — iom da ĝeno, sendube, aŭ pli ĝuste dirite, iom da honto. La vojo, pavimita per brikoj, etendiĝis ĝis kie la horizonto perdiĝis en blua nebulo. Neniu estis sur la digo, niniu antaŭ la fenestroj de la malproksimaj domoj kaj neniu ŝipeto videbla sur la maro. Sed mi sentis tre bone, ke tuta Nederlando min rigardis afable riproĉe. En mia koro estiĝis sento, ke tiun cigaredreston oni vidis el Nimego kaj el Groningo, el Hilversum kaj el Dordreĥt. Kaj, ĉar mi estas konscienca gasto, mi reiris, prenis la reston, tiamaniere kompreneble, ke oni ne tro vidis tion kaj ĝin kaŝis en mia poŝo.

---

GEINSTRUISTOJ.

**Bela Donaco** por viaj gefiloj kaj **taŭga instruilo** por viaj infankursoj estas la **brile ilustrita** libreto

**„FLORETOJ"**

tradukita de la Vendreda Klubo en Winschoten kaj eldonita de fo. J. B. WOLTERS. Groningen. (Nederlando).

Sendu 0.70 ned. guld. (eksterlande f 0.75 al la administranto de T.A.G.E. kaj poŝtrevene vi ricevos la libreton.

Krome vi povos mendi p.d. ĉiu librejo.

**Abonu tuj la monatan gazeton, LA JUNA VIVO.** Jen vi havas la plej malkaran gazeton por gejunuloj kaj komencantoj. Interesa enhavo, facile komprenebla lingvo: tre taŭge legaĵo por kursoj. **Jarabono: Ned. f 0.75. Aliaj landoj 0.7 dol. 2.1 sv. fr. Petu senpagan specimenon de: Redakcio de „La juna vivo" West-Graftdijk N.H. Nederland.**

## SVEDA INSTRUISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Prez.: s-ro **Thorsten Torbjär,** Torild Wulffsgatan 7, tel. 20828, **Göteborg.**
Sekr.: s-ro **Fritiof Ahnfeldt,** Inglatorp, **Torskors.**
Kas.: s-ro **Oskar Svantesson,** Mariagatan 7—9a, tel. 49343, **Göteborg.**
Sveda poŝtĝira konto de la federacio ; 31430. Jara kotizo 3.— kronoj.

Post la 1-a de januaro, 1936.

## SCIENCA GAZETO

Estos 24-paĝa (krom la kovrilo), Ĝi estos ilustrita.
La grandaj artikoloj estos presataj per pli grandaj literoj.
Kaj ni sendas de nun senpage provekzempleron al iu ajn, kiu petas.
Multege da sciencaj artikoloj kaj informoj, populare verkitaj.
Jarabono : I dolaro (3 sv. fr.)
Agentoj en la plej multaj landoj.
Agento por Nederlando : S-ro P. KORTE, Schoolstraat 13, Veendam.
Specimenon petu ĉe

**AMERIKA ESPERANTO-INSTITUTO**
556 State St., Madison, Wis., Usono.




**ESPERANTO-GAZETO pri Spiritualismo, Homaranismo kaj Japanaj Aferoj.**

## OOMOTO INTERNACIA.

Monata, 32 grandformataj paĝoj, belaj ilustraĵoj. Jarabono : 5 sv. fr. Varia enhavo : Japanaj moro kaj kutimoj, Orientaj kulturo kaj filozofio, Homaranismo, Japanlingva kurso, literaturo . . . . . ,

**Specimeno Senpage !**

„OOMOTO INTERNACIA", Kameoka (Kioto-hu) Japanujo.

## NIA GAZETO

(monata). Redakcio-Administracio : Nice (Francujo) 29. av. de la Victoire. Directoro : Georges Avril. Ĉefredaktoro : S. Grenkamp. Abonu ĉi-tiun bonan kaj malkaran gazeton. Jarabono : Francujo fr. fk. 10 (sv. fr. 2) ; landoj aliĝintaj al la konvencio de Stockholm, fr. fk 12 (sv. fr. 2.40 ; aliaj landoj, fr. fk. 15 (sv. fr. 3)

## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.
2) Ne sendu poŝtmarkojn.
3) Sendu papermonon en registrita letero.
4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.
5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, „Iskar" 79. SOFIO. IV.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** S. Kr. Nielsen, FEDERICIA Röhmagergade 61.

**Estona:** Johannes Jaanisto. Kastani—125—1. TARTU.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES. (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas jelä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda:** M. van Mullem 0.58. OPHEMERT.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Gondokoesoeman 7. pav. JOQJAKARTA.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÉVE.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** State Street 556. MADISON (Wis).

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.